# BULTENO
de la Internacia Federacio E de Esperantistaj Fervojistoj

Sekretariejo: Orteliusstraat 108III Amsterdam | Redaktejo: von Liebigweg 26 Amsterdam


## KONGRES-INFORMILO No.3.

La prepara laboro por la 3a IFEF-KONGRESO efektiviĝas paŝon post paso. La detaloj konkretiĝas kaj estas necese precizigi kelkajn punktojn, kiuj estas ne ĉiam bone komprenitaj.

Ni prezentas hodiaŭ la starigitan programon; ĝia enhavo jam fariĝis tradicia, sed ni penadas por ke ĝi kontentigu ĉiujn. Ĉu ni sukcesos? Tion vi diros al ni venante en PARIZON, kie ni atendas vin, kaj de kie ni samideane mansignas al ĉiuj!

La Loka Kongresa Komitato.

### KONGRESPROGRAMO

**Merkrede la 16 an de majo 1951**

Akcepto de la kongresanoj en la Parizaj stacidomoj - Pago de la kotizoj (vidu *KOTIZOJ*).
Disdono de la kongresdokumentoj en la kongresoficejo..

15.30 Privata kaj prepara kunsido de la deligitaro.
20.30 Interkonatiĝa vespero.

**Ĵaŭde la 17 an de majo 1951**

10.00 Inaŭguro de la Kongreso - Oficialaj paroladoj - Salutvortoj de la Deligitoj.
14.30 Vizito al fervoja centro (lokomotiv-provejo de Vitry).
20.30 Varietea vespero kun partopreno de fervojistaj artistoj kaj de la trupo de Raymond Schwartz kun la *KOLOMBANINOJ*.

**Vendrede la 18 an de majo 1951**

9.00 Laborkunsido.
14.00 Vizito al Parizo per aŭtobusoj.
20.30 Internacia balo - Prezento de folkloraj dancoj.
La kongresanoj kunportu naciajn kostumojn.

**Sabate la 19 an de majo 1951**

9.00 Laborkunsido.
14.00 Laborkunsido kaj fino de la kongreso.
Libera vespero.

**Dimanĉe la 20 an de majo 1951**

9.00 Tuttaga ekskurso per aŭtobusoj ĉirkaŭ Parizo.

**Lunde la 21 an de majo 1951**

Postkongresa tago en EPERNAY sub gvidado de la tieaj Esperantistaj kolegoj. Vizito al la urbo kaj al la keloj, kie oni vartas la faman vinon CAMPANO. Gustumado de ĉampano - Komuna tagmanĝo - Ĝisrevida momento.

**KOTIZOJ** - Oni atente relegu la kongres-informilon No.2.
**EKSTERLANDANOJ** - Nepre pagu vian kotizon al la landa deligito, kiu gvidos la karavanon. La deligitoj devas kolekti la kotizojn kaj la aliĝilojn. En landoj kie estas eble, la deligitoj sendu la monon al la L.K.K. antaŭ la dato de la kongreso. En ĉiuj landoj la deligitoj sendu la aliĝilojn al la L.K.K. tuj kiam ili kolektis ian nombron da aliĝiloj. Ili ne atendu la 10 an de aprilo (limdato por aliĝo) por ekspedi la aliĝilojn.

Nur la izoluloj individue pagu sian kotizon en la kongresoficejo. La Francoj rekte pagu al la poŝtkonto de F.F.E.A.: 7.402-60 **Paris**.

La kongres-dokumentojn oni donos en la kongresoficejo, **amase** al la landaj deligitoj, **individue** al la izoluloj kaj al la Francaj provincanoj. La Parizanoj ilin ricevos antaŭ la kongreso.

La celo de tiuj reguloj estas ne perdigi tempon al la kongresanoj kaj al la L.K.K. dum la kongreso. Respektu la regularon, vi helpos nin!

**INAŬGURO DE LA KONGRESO.**

Nur la oficialajn parolojn oni tradukos frazon post frazo, laŭ la franca kutimo.

La salutvortojn de la deligitoj oni ne tradukos, sed ĝenerala resumo estos franclingve dirata.

La deligitoj rajtos paroli maksimume kvin minutojn.

---

**TAGORDO DE LA LABORKUNSIDOJ**

1. Malfermo.
2. Salut- kaj ricevitaj leteroj.
3. Rimarkigoj pri la raporto de la pasintjara kongreso. (Vidu la bultenon numero 4 1950 (2e Jareldono).
4. Raportoj de la Sekr, Kasisto, Redaktoro.
5. Raporto de la terminara komitato.
6. Proponoj.
7. Estrarelekto.
8. Elekto de kaskontrol-komitato.
9. Elekto de la kongresloko en 1952 a.
10. Libera diskutado.
11. Fermo de la laborkunsidoj.

**KONGRESPROPONOJ**

1a...El Svislando: **Starigo de fakgazetar-servo.**
La celo estas, ke en ĉiu lando estu kolego, kiu traduku artikolojn kaj informojn de kaj pri IFEF, pri fervojaj aferoj kaj sendu ilin por publikigo al la landa fakgazeto fervoja aŭ sindikata por ke en ĉiuj landoj kaj precipe en tiuj, en kiuj ne ekzistas IFEF-sekcio, la fervojistaro estu informata pri niaj celoj. (Svisa kolego pretas organizi ĝin).

2a...La IFEF-estraro esploru la eblon pri eldono de adresaro kun aldono **de la funkcioj**.
Estus salutinde se ĉiu IFEF-membro posedus adresaron por interrilati laŭvole kun kolegoj en aliaj landoj. Estas kompreneble, ke ekzemple relŝanĝisto deziras korespondadi kun samfakulo kaj ne kun oficisto, kies funkcio estas tute alia.

3a...El Aŭstrio: **Okazigo de loterio por fervojistoj.** La eble rezultonta gajno estu dediĉata por la propagando disvastigado kaj instruado de Esperanto inter la fervojistaro kaj por akiri la tiucele necesajn monrimedojn por la kostoj de instrulibroj, instruilaro, salajro por instruistoj, instalo de Esperanto-kontoro.

4a...El Germanio: Aktivigo de la fakaj interrilatoj en korespondado kaj gazeto.

5a...Progresigo de Esperanto en la fervojaj administracioj.

6a...De la ĉefestraro: La kongreso decidu pri la kunlaboro kun ILEPTTO laŭ deziresprimo en la antaŭa kongreso.
**Komento**: La ĉefestraro ricevis la respondon de ILEPTTO, kiu baziĝas sur komuna eldonado de fakrevuo. La kostoj por tio tamen devigus la ĉefestraron plialtigi la nunan kotizon al la kvinoblo.

7a...La kongreso decidu pri aldono de Jena paragrafo al nia regularo:
Par.14 La L.K.K. zorgas por senpaga restado de la ĉefestraro kaj la landaj deligitoj. (Komento en la kongreso).

**Jarraporto de la sekretario 1950 - 1951**

Konciza estu mia jarraporto en la malampleksa organo sed ĉijare ĝi povas esti legata de ĉiuj IFEF - anoj kie ajn en la mondo. Depost nia brila 2a kongreso en SALZBURGO niaj vojoj disiĝis kaj ni forlasis la kongresurbon kun freŝa forto kaj bona espero. Tamen en la daŭro de la pasinta jaro la mondsituacio iom post iom plimalboniĝis kaj la homaro vivas denove en timo pri nova hombuĉado. Malserena iĝis la politika ĉielo kaj anstataŭ la ĉie dezirata paco, novaj militdanĝeroj prezentas sin al la popoloj. Nenio pli malutilas nian movadon ol militdanĝero ĉar la strebado de la esperantistoj direktas sin al interfratiĝo de ĉiuj popoloj. Facile oni perdas en tia

ĥaosa mondstato la intereson pri kulturaj aferoj , la komunikoj en la gazetaro altiras la atenton kaj la malfortuloj en nia movado seniluziiĝas pro la alproksimigantaj dangeroj. Malfacilaĵojn ni ĉiuj renkontis sur internacia tereno , en nia movado esperantista , dum niaj ĉiutagaj laboroj kaj en hejmaj rondoj sed malgraŭ ĉiaj malagrablaĵoj , kiuj trafis unu pli forte ol alia , la plimulto restis fidelaj al nia organizo , al nia movado ĝe - nerale , al nia sankta idealo laŭ la ekzemplo de nia neforgesebla Majstro , Dro Zamenhof. Mi do komencu mian jarraporton dankante ĉiujn, kiuj kontribuis sian forton al nia juna organizo IFEF per oferemo , sindonemo kaj neestingebla entuziasmo. Nur kelkaj eksiĝis pro nekonataj motivoj , eble pro forgesemo ne pagis al la landa kasisto ĝustatempe la jarkotizon , cetere en ĉiuj landoj niaj gekolegoj laboris kaj propagandis energie pro kio mi kontraste al la mondsituacio povas aŭdigi optimismajn sonojn pri nia organizo IFEF , kiu en la malluma tempo prospere kreskis. Jen kelkaj ciferoj kaj inter la krampoj vi trovas la membronombron de la koncerna lando je la 15/2 51. NEDERLANDO ( 223 ) Francio ( 207 ) Danio ( 66 ) Norvegio ( 39 ) Aŭstrio ( 68 ) Svisio ( 26 ) Germanio ( 60 ) Italio ( ?) Aŭstralio ( 7 ). La nombro de landaj IFEF-rondoj do kreskis en la pasinta jaro de 7 al 9. Izolaj membroj estas en Svedio ( 5 ) Anglio ( 10 ) Finlando ( 2 ) Ĉeĥoslovakio( 2 ) Japanio ( 2 ), entute IFEF do havas nun pli ol 700 gemembrojn en 14 landoj. ( pasintjare 557 en 12) En preskaŭ ĉiuj landoj la membronombro pligrandiĝis sekve ni povas esti kontentaj pri tio. Ni tamen atentu, ke la kursoj ne ankoraŭ finiĝis kaj la membronom - bro povas pligrandiĝi. La korespondado kun la italaj kolegoj alportis sukceson ĉar la itala Asocio antaŭ nelonge oficiale aliĝis al IFEF. Tutkore ni bonvenigas niajn novajn gekolegojn en nia familia rondo fervojista kun la espero, ke multaj sekvu la ekzemplon. Tiurilate ni ne estu pesimismaj ĉar ni havas bonajn rilatojn kun la Finlanda Asocio ESFF, kiu decidos pri aliĝo en Marto dum la jarkunveno en Helsinki. Niaj izolaj gemembroj en Aŭstralio sukcesis fondi IFEF sekcion laŭ nia regularo kaj en Anglujo oni entreprenas saman klopodon. Laŭpove ni subtenas la izolajn gekolegojn per la propagandiloj. En Japanio ankaŭ ekĝermis semero kaj tiel ni plektas nian reton. Regule la ĉefestraro kunvenis kaj akceptis gravajn decidojn. Internaj aferoj estis priparolataj koncerne la gvidadon en IFEF ĉar ni klopodis prezenti al ni realan bildon pri la mankoj. Nerefuteble estis mankoj kaj tial ni akceptas la kritikon sed la kvintensenco estas, ke la estraro vidu ilin kaj klopodas forigi la mankojn. Stagnojn ni nepre evitu en nia organizo kaj la akiritaj spertoj al ni estu la gvidilo.

Nia IFEF-BULTENO aperis en nova vesto kaj en sufiĉe granda eldonkvanto por al ĉiuj IFEF - anoj sendi ĝin. Legu pri tio la raporton de la redaktoro. Menciinde estas, ke la eldonkvanto de la 3a numero jam atingis nombron de 850 ekzempleroj. Kvankam la estraro pro financaj motivoj decidis prokrasti la eldonon de glumarkoj , ĝi tamen lastmomente decidis ankaŭ realigi tiun kongresdecidon. La belaspek -taj IFEF-glumarkoj estos aĉeteblaj dum nia kongreso en Parizo, se eble jam pli frue. 20.000 ekzempleroj estas menditaj kaj ni arde esperas, ke niaj gemembroj uzu la glumarkojn propagandcele sur siaj korespondaĵoj. La projekton faris nia aŭstria kolego Sassmann el Linz, kiun ni ĉiloke tutkore dankas pro tio. La glumarkoj aperos en unu kaj dukoloraj preso kaj la prezo estas 20 ekzempleroj por 30 nederlandaj cendoj.

Raporton pri la terminara komitato vi povos legi en ĉi tiu numero, en kiu la gvidanto, Sro Pape , priskribas la progresojn. Nome de ĉiuj IFEF - anoj ni tutkore dankas la komitatanojn pro la farita laboro kaj trankvile ni atendas la konkretajn rezultatojn de nia faklingvo.

Ni ricevis 102 leterojn kaj poŝtkartojn kaj forsendis 135 korespondaĵojn ekskluzive la proksimume 2400 IFEF- BULTENOJN. El ĉisupra raporto klare montriĝas, ke la IFEF - estraro ankaŭ en tiu ĉi jaro plenumis la kongresdecidojn kaj la IFEF evoluiĝis en favora senco. Tutcerte ne ĉiuj niaj klopodoj sukcesis, ekzemple la kunlaboro kun ILEPTTO restis en stadio de unuflanka nekontenteco.La IFEF-estraro respondecas pri la financa stato en nia organizo kaj ne inklinas aĉeti la kunlaboron, kio devigus ĝin plialtigi la kotizon al la trioblo de la nuna. La kongreso mem decidu pri tio. Malgraŭ niaj klopodoj interkontaktiĝi kun kolegoj en la orientaj landoj ni ne atingis rezultaton kontentigan. Tiurilate ni tamen restos aktivaj sed tutcerte la internaciaj cirkonstancoj ludas en tio gravan rolon.

Fine de mia jarraporto mi esprimas ankoraŭfoje la sinceran dankon pro la multaj penoj, kiujn faris niaj gekolegoj en Salzburgo por sukcesigi nian 3an kongreson. Ni aŭdis kaj legis la kritikon pri la laborkunsidoj, kiuj ne estis tiaj, kiaj ni volonte deziras ilin sed tamen ni konstatis la bonan volon por nia komuna afero. Ni diskutadis malpli ol en nia Ia kongreso sed ni esperu, ke la progresoj sur ĉia tereno en nia juna organizo forgesigos tion,kio ne plaĉis al kelkaj. Sendube la belega montpejzaĝo imponis multajn pro kio la intereso pri la kunsi-

doj malpliiĝis. Tio tamen ne malfavore influis la antaŭan iradon ĉar plene ni povis ĝui la internacian interfratiĝon dum la kongrestagoj kaj ĉu tio ne estas unu el niaj celoj?
Tre ĝojaj ni estu pri la fideleco de niaj gekolegoj en nia internacia familio fervojista al IFEF. La kresko en ĉiu lando pruvas, ke ĉie estas aktivuloj, kiuj kune puŝas nian movadon antaŭen, ĉiu sur sia posteno, kiu estas plej konvena al li aŭ ŝi. Unu laŭ la estrarfunkcio laboras pli publike, alia tamen laboregas nevideble kaj liveras al nia movado novajn adeptojn post la temprabaj kursoj dum la vintraj monatoj. Al ĉiuj ni sendas nian koran dankon pro la celtrafa subteno.
Ni ĉerpu el ĉi tiu raporto freŝajn fortojn sed ni ne estu tro fieraj pri la atingitaj rezultatoj. La tempo estas necerta kaj ni duobligu la aktivecon por konservi tion, kion ni konkeris en militgraveda tempoperiodo. Ni ankaŭ ne perdu la esperon ĉar pesimismo estas malbona gvidanto. La perspektivoj estas bonaj sed la plej grava postulo estas en la nuna tempo, ke ni ebligu al ĉiuj resti membro en nia internacia rondo per malalta kotizo. Pli ol iam antaŭe nun trudas al ni la solidareco kaj la pli fortaj oferu por la malfortaj iom. Ĉiu epoko havas sian finon kaj ankaŭ la nuna pri milito necerta tempo iam apartenos al la pasinto. La sukceso ependos de nia fera volo ĉu ni pretos defendi la akiritajn progresojn en nia movado. Pri tio ni ne dubas ! Unu fakto jam estas certa, ke ni atingos la celon se ĉiuj restu aktivaj, restu fidelaj al nia organizo kaj kun levita kapo marŝu antaŭen spite de malfacilaĵoj, kiujn ni renkontos sur nia vojo. Venu multnombre al nia 3a kongreso en Parizo, kie ni plifortigos la interligilojn per persona kontakto. Esperante, ke mia jarraporto donu al vi ĉiuj koncizan superrigardon pri la farita laboro, mi finas kun la instigo * persistu ! *, kaj ĝis la revido en Parizo!

La sekr: JAN LOK.

---

## RAPORTO DE LA KASISTO

Karaj gekolegoj, kun ĝojo mi publikigas la en- kaj elspezojn ( ĝis la unua de januaro 1951 ) de IFEF, por ke vi ĉiuj povu konstati ke ni progresas. La profito en 1950 estas iom pli granda ol en la antaŭa jaro, malgraŭ tio, ke la kostoj de nia Bulteno estas pli grandaj. Entute mi elspezis pli ol en la jaro 1950.
Jam en la Aarhusa kongreso mi petis al la landaj kasistoj sendi raporton pri la kasstato, sed tamen kelkaj ankoraŭ ne faris tion.
Mi nepre bezonas la membrolistojn por la kartoteko.
Al kelkaj funkciuloj mi petis diversajn informojn, sed respondo ne venis.
Feliĉe aliaj sendis detalan raporton.
La landaj kasistoj estas petataj sendi la kotizon pere de la banko al mi, kio nun eblas. Kompreneble oni sendu samtempe la bezonatan raporton.

| ENSPEZOJ | | ELSPEZOJ | |
|---|---|---|---|
| Profito 1949 . . . | f. 222.98 | Por nia Bulteno . . . | f.117.13 |
| Kotizo . . . . . | - 163.45 | Kontorbezonaĵoj . . . | - 30.90 |
| Por nia Bulteno . . | - 55.60 | Diversaĵoj . . . . . | - 25.81 |
| Diversaĵoj . . . . | - 5.45 | Profito 1950 . . . . . | - 273.48 |
| Entute . . . . . | f. 447.48 | Entute . . . . . . . . | f.447.48 |

---

## SUBVENCIOJ POR NIA NOVA IFEF-BULTENO

P.Paul, Francio f0.20; A.Janvier, Rennes Francio f0.20; H.Bipp, Zurich Svisio f0.40; E.Keiser, Bern Svisio f0.20; Y.Hiltunen, Finlando f5.20; J.v.d.Hert f0.75; D.H.Meyer f0.75; Chr.Kock f0.75; L.J.Beyer f1.00, ĉiuj en Amsterdamo Nederlando; por venditaj Bultenoj f1.30. En Bulteno numero 3 mi kvitancis f4485. Entute mi do ricevis f 55.60.

---